I Jaro. II Num. 1917 Februaro.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA.—OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA FEDERACIO»



S-RO RIKARDO CODORNÍU
Inĝeniero pri arbaroj

# NE SUSPEKTU

Sciu por ĉiam, ke Zamenhofa Federacio ne venas malfaciligi esperantan laboron de ceteraj federacioj ekzistantaj en nia patrujo; ne. Ĝi deziras fratecon kaj unuecon inter ĉiuj hispanaj esperantistoj, kaj tutkore, entuziasme kaj sincere, krom sia regionlaboroj, helpos kian ajn laboron celantan progresigi Esperanton en nia lando.

Fondintoj elektis ĝian nomon ĉar diversaj kaj ekstremaj regionoj formas ĝin, kaj estis neeble elekti hispanan nomon.

Je la preparlaboroj oni enkalkulis Andaluzian regionon; sed kiam oni ricevis sciigon pri la deziro de andaluzianoj starigi apartan federacion, *zamenhofanoj* multe ĝojis pro tio; oni forigis el cirkuleroj tiun regionon kaj gratulis andaluzianojn. Fine, *zamenhofanoj* kaj «Hispana Esperantisto» varme helpos andaluzianojn atingi ilian celon.

Se iam iu ajn el la regionoj formantaj Zamenhofan Federacion atingus grandan gradon de esperanta prospereco, kaj dezirus starigi apartan federacion, *zamenhofanoj* ne kontraŭstarus tian deziron.

Nia celo, do, ne estas suspektinda.

# La plej bona geografia loko

La Tero estas klinita rilate al sia akso, kaj ĝia eksteraĵo estas malegala pro la diversa etendo de kontinentoj kaj maroj neregule lokitaj, kaj pro la diversa alteco de ebenaĵoj, valoj kaj montoj. Pro tiaj ĉefaj kaŭzoj (estas aliaj malpli ĝeneralaj) en nia planedo sin trovas multaj malsimilaj klimatoj.

Kiam la terglobo alproksimiĝas al la suno; la suna varmo frapas pli rekte kontraŭ la suda duonsfero, kaj tiam estas tie somero, kaj en la norda duonsfero vintro. Kontraŭe okazas kiam nia planedo estas kiel eble plej malproksima al la suno. Sekve dum la norda vintro la Tero estas kiel eble plej proksima al la suno, kaj kontraŭe dum la norda somero. Tial la klimato de la norda duonsfero estas iom pli dolĉa ol tiu de la suda. En la suda estas multe pli da maro kaj malpli da tero ol en la norda; ankaŭ pro tio ĝia klimato estas pli ŝanĝema kaj maldolĉa.

En la arkta Ameriko, Meksiko havas tre varman klimaton, kaj tra la golfo de Meksiko pasas la mara akvofluado kiu venas de la golfo de Gineo; sed ĝi fluanta norden malproksimiĝas el la usona marbordo kaj, laŭ kurba fluado alvenas apud Eŭropo. Tiam ĝi fluas suden laŭ la eŭropaj kaj afrikaj marbordoj. Ĝi ne varmigas Usonon, ĉar ŝajnas forflui el tiu lando, sed ĝi plibonigas multe la eŭropan klimaton.

En Azio la sudo estas tro varma; la nordo, Siberio, kiu alvenas ĝis la Glacia Maro, tro malvarma. Altega montaro malpermesas al ili interŝanĝi temperaturon por sin ekvilibri reciproke.

Oni ne bezonas diri ke Afriko estas tro varma, ĉar sufiĉas koni ĝian lokon en la planedo. Do, la plej bona klimato estas tiu de Eŭropo, ĉar kontraŭ la malvarmego de la Glacia Maro defendas ĝin la mara varma akvofluado kaj la afrika vento. Kelkaj diris ke la dezerto Sahara'o estas la varmiga forno de Eŭropo. Tamen la norda kaj la centra Eŭropo estas tre malvarmaj; ilia vintro tre longa. La plej bona vetero regas ordinare en la suda Eŭropo, tio estas; en Portugalujo, Hispanujo, Italujo kaj Grekujo.

Hispanujo, kiu staras proksimume inter 44° kaj 36° norda latitudo, havas marbordon en la Atlantika Oceano, en la Kantabra Maro

(kiu nur estas golfo de la Oceano dirita) kaj en la Mediteraneo. La dolĉeco de la mediteranea klimato kaj la malvarmeco de la vintraj oceanaj ventoj malpliigas la varmegan efikon de la proksima Afriko. Hispanujo havas, do, la plej bonan geografian lokon rilate al la ĝenerala klimato. Pro la maraj interkomunikadoj ankaŭ ĝia loko estas la plej bona.

Multajn malsimilajn klimatojn oni povas trovi en ĝi pro ĝia latitudo kaj pro la diversaj altecoj de ĝia supraĵo. En ĝi troviĝas kreskaĵoj de ĉiuj latitudoj, pejzaĝoj de ĉiuj landoj, ekzemple: Svisaj pejzaĝoj en Galicio, Skotaj en la Vaskaj provincoj, ŝtonegaj kaj sovaĝaj en la Karpetana Montaro, en Sierra Morena kaj en Sierra Nevada; tropikaj en Andaluzio, k. t. p., k. t. p. En Hispanujo oni povas trovi ĉiujn klimatojn, ĉiujn pejzaĝojn, ĉiujn ĉielojn kaj ĉiujn veterojn.




KATEDRALO (BURGOS)

Kiu ne konas Hispanujon tiu devas veni tien ĉi; krom la artaj belaĵoj kaj la antikvaj kuriozaĵoj, li vidos multajn kaj diversajn naturajn belaĵojn. Certe poste li ne pensos ke li perdis la tempon.

*Rafael de San Millán*

# La Kanto de la Senfino

Nia vidsento perceptas la lumajn ondojn, sed nur inter iaj limoj. Kiam ilia vibrado estas malsupera je 496 bilionoj ĉiusekunde, aŭ supera je 728 bilionoj, ni vidas nenion. Ni ne perceptas la kolorojn trans 'a ruĝo aŭ la violo de l'ĉielarko, kaj, tamen, trans tiuj limoj estas koloroj kaj lumo.

La okuloj de ĉiuj estaĵoj ne estas organizitaj same. La strigo vidas la lumon de malsupera limo ol ni; tial ĝi nokte vidas. Eble la tagaj vibradoj estas por ĝi tro oftaj, kaj ĝi kredas ke tago estas malpli luma ol nokto.

La suna lumo alvenanta ĝis la fundo de l'maro estas neperceptebla por ni; tial ni kredas ke tie regas ĉiam. nokto. Tamen, la loĝantoj de l'marfundo ne estas blindaj kaj la tieaj kreskaĵoj havas tre vidindajn kolorojn. Se tiuj loĝantoj venus sur le tersurfacon, eble pro la lumego, vidos nenion kaj ili kredos ke lumo estas malsupre kaj nokto supre.

Same okazas kun la sonoj. Nia aŭdsento nur perceptas la sonajn vibrojn kiam ili estas inter 40 kaj 60.000 ĉiusekunde. Ekster tiuj limoj la sonoj estas neaŭdeblaj pro troa akreco aŭ malakreco, sed tiuj sonoj ekzistas.

La mondoj dum sia kapturniga marŝo tra la spaco agitas la eteron kaj produktas sonajn vibrojn; ĉiu mondo produktas malsaman muzikan noton, ĉar ne estas du astroj identaj laŭ siaj grando aŭ rapideco. Kaj se la movoj de la astroj estas tiel harmoniaj ke neniam du mondoj ektuŝegas, ĉu ne estos ankaŭ harmoniaj la sonoj produktataj de l'astroj dum ilia marŝo?

La aro de tiuj sonoj formas la kanton de la Senfino, eterna kanto daŭronta tiom, kiom la Universo; kanto ne monotona ĉar (eĉ en nia planedaro) la kometoj kaj planedoj ĉiam okupas malsaman lokon rilate al la Suno, kaj la satelitoj rilate al sia planedo.

Ni ne aŭdas tiun himnon, sed same kiel per malrapida evoluo ni eliris el la besteco, eble daŭrigante la evoluon ni eksentos la eternan kanton. Tiam, kiam jaro finiĝas kaj la homoj deziras al siaj parencoj kaj amikoj feliĉan novjaron, ili komprenos ke tiel, kiel ĉio vibras harmonie, ankaŭ ĉiu homo devas unuigi sian individuan noton al universa koncerto kaj ke ĉiu jaro nur estas takto de l'eterna kanto de la Senfino.

*F. Redondo*

---

# PATRINO!

La ĵurnalo estas bona amiko de la virino. Ĝia diversa enhavo anstataŭas la malgrandan spertadon de ŝia vivo.

La virino, kiu pli scias, tre malmulte scias per sia spertado mem.

Estas eble, ke viro sciu pri la bono kaj la malbono samtempe. Nek la bono, nek la malbono havas tiel limigitajn limojn por la viroj, kiel por la virinoj. La viro nomas honoro ion neprecizan.

Viro kun malmultaj virtoj kaj multaj malvirtoj estas konsiderata kiel honora viro en la societo; sed tia virino estos konsiderata, kiel senhonora.

Kiam oni opinias pri la honoro de viro, ĉi tiu ĝin defendas per armiloj, kaj li savas sian honoron.

Pro la honoro de la virinoj, eble, ankaŭ la viroj duelas; sed se la honoro de la viro sin savas en tiaj okazoj, la honoro de la virino restas tre malbone vundita.

La honoraj virinoj, kiel la feliĉaj popoloj, ne devas havi historion. Kaj kiu ne havas historion, ne havas spertadon.

Tial la virino ŝuldas dankemon al la ĵurnalo, kiu estas la plej bona spertado de la vivo.

Kaj kiom da dankemo ŝuldas al ĝi la edzoj!

Kiam, pro siaj ĉiutagaj laboroj, entreprenoj, distraĵoj, kaj eĉ diboĉo, li vin forlasas hejme dum horoj kaj horoj, dum tiuj senlimaj vintraj vesperoj, en la duonlumeco de lampo, en la varmigo de fajro, kiu incitas en intimajn kaj lojalajn amemojn... aŭ dum la enamigaj someraj noktoj, kiam tra

la fenestroj, plene malfermitaj, alvenas de la strato, de la ĉielo, kantoj, kiuj diras amon, silentoj, kiuj parolas eternecon... la ĵurnalo estas la fidela kunulo, kiu celas trafi vian atenton, vian imagon, vian fantazion, kiun ĝi distras aŭ amuzas per siaj raportoj pri okazintaĵoj, pri variaĵoj.

Sen la ĵurnalo, en tiuj longedaŭraj horoj de soleco, de forlaso, via fantazio flugus tro malproksime, tro alte.

La virinoj! Malfeliĉaj virinoj! Ju pli alten ili flugas, des pli riskas fali tro suben.

Per la ĵurnalo trovas nia koro sian klapon en mildaj kaj tragediaj kortuŝoj.

Vi interesiĝas pri la raporto de krimo, kiu kvankam terura, eble estas kvazaŭ averto.



TURO KVAZAŬ KUPOLO DE LA KATEDRALO

Per la politikaj sciigoj, vi spertas interesiĝi pri la sorto de la Patrujo, kaj se via edzo estas politikulo, pri la sorto de via edzo.

Per la novaĵoj de la milito nia koro sin ekscitas pro la heroeco de l'soldatoj, kaj vi kompatas ilin pro iliaj suferadoj, kaj ofte, kia krueleco en unu novaĵo!

Mi iam legis telegramon pri la milito: per ĝi oni sciigis al ni venkon de niaj sol-

datoj, kaj la korespondanto, entuziasmigita, diris: «La venko estis definitiva; niaj perdoj estis negravaj: mortis du soldatoj».

Negravaj!

Mi pensis pri la patrinoj de tiuj soldatoj. Kion ili estis pensantaj legante, ke la perdoj estis negravaj? La vivo de iliaj amataj filoj! Ha! ĵurnalistoj zorgu multe viajn dirojn pri tiuj ŝajne bagateloj; kaj tial ke via ĵurnalo estas tiel bona amiko de la virino pensu ĉiam pri ili kiam vi redaktos ĝin, ke neniam io makulu ĝiajn kolonojn; io, kion ne povu legi via patrino, via edzino, viaj filinoj!

Skribu nenion, kio povu ĉagreni aŭ ofendi ilin!

Kiel la antikvaj nobelaj kaj kuraĝaj kavaliroj alvokis dum la batalo la mastrinon de siaj pensoj, alvoku, kiam vi skribos, ĉar ĝi ankaŭ estas batali, la nomon de virino, la plej amata je la plej ideala amo... Kaj kiam vi verkos por la virino, estu certaj, ke vi verkos por la Patrujo: kiu estas la plej sankta senco de virino. Patrino!

*Jacinto Benavente*

El Hispana lingvo tradukis ★

---

# BURGOS

Ne ekzistis en la antikva epoko, estis dum la regado de la romanoj humila vilaĝeto, kaj estas nenio kio pravigas opinion, kiu diras ke ĝi estas la antikva *Brabo* aŭ *Brabum*, kiun citis *Ptolomeo*. Dum la regado de *Alfonso III^a*, oni konstruis la kastelon sur la monto ĉe la vilaĝaĉo, kiu, defendata de la fortikaĵo, kreskis pli kaj pli, kaj ricevis la nomon *Burgos*, ĉu tial ke ĝi estis *burgo* (domareto) je la komenco, ĉu tial ke ĝi staras sur la teritorio de la antikvaj *murbogos*. Laŭ diras pastro *Venero*, estis la grafo *Diego Rodriguez Porcellos* kiu grupigis la loĝantojn de ses domaretoj kaj fondis la urbon. Ankaŭ oni diras ke la fondinto estis germana kavaliro, nomata *Nunio Belchiado* aŭ *Belquides*, kiu edziĝis kun *Sula*, filino de la citita grafo. Ĝi estis ĉefurbo de la graflando de *Burgos* kaj poste de la regno de *Kastilujo* de la regado de *Ferdinando I^a*. En 1325 ĝi havis la unuan voĉdonon en la deputataro de la regno, okupante la unuan vicon kaj pro tio okazis konflikto kun *Toledo*, ĉar ĉi tiu urbo volis esti la unua. Oni solvis la konflikton donante al *Burgos*, la unuan lokon kaj voĉdonon, lokumante la reprezentantojn de *Toledo* aparte el ceteraj, kontraŭ la reĝo, kiu estis diranta en la kunvenoj: *mi parolas anstataŭ Toledo, kiu faros tion, kion mi ordonos al ĝi; parolu Burgos.*

*Burgos* staras ĉe la piedo de alta monteto, sur la valo de la rivero *Arlanzon*, kiu fluas tra ĝi. Tri ŝtonaj pontoj kunigas ambaŭ partojn de la urbo. Ĝi havas 35.000 loĝantojn. Ĝi estas tre industria kaj la kamparo, kiu ĉirkaŭas ĝin, estas tre fruktodona. La klimato estas malvarma kaj malseka. Estas en ĝi Historia kaj Arta Muzeoj, Instituto, Normala Lernejo kaj Seminario, ankaŭ ĝi estas ĉefurbo de milita kaj eklezia regionoj. Estas komfortaj kaj bonaj hoteloj kaj gastejoj.

La stratoj kaj placoj de ĉi tiu urbo ne estas ampleksaj, ĝenerale tial ke ĝi estas antikva. La placoj *Constitución*, kun la statuo de *Karolo III^a* en la centro, *Libertad* kaj *Mercado* kun bela fonto, estas la ĉefaj. La promenejo *Espolón* estas la plej grava, kun bonaj kaj belaj konstruaĵoj, ĝardenoj laŭ angla stilo, du fontoj kaj ok statuoj. Ankoraŭ oni vidas parte la antikvajn remparojn kaj pordojn *San Juan*, *San Martín*, *San Esteban*, *San Gil* kaj *Santa María*. Estas aliaj promenejoj: *Invierno*, laŭlonge la remparoj; *Isla*, inter la rivero *Arlanzon* kaj la kanalo; plie, ĝardenoj kaj aleoj en kiuj la arboj kaj rozarbetoj estas abundaj.

La ĉefaj monumentoj estas: la Palaco de la Justeco. La arkaĵo *Fernan-González;* du dorikaj kolonoj ĉiuflanke portas entablementon sur kies friso estas reliefoj reprezentantaj la blazonŝildon de la urbo. La arkaĵo *Santa María*, konstruita je la XVI.^a jarcento, flankigata de ses turoj, kun la statuoj de *Nuño-Rasura*, de la grafo *Porcellos* kaj de *Lain-*

*Calvo*, supren staras tiuj de *Fernan-González*, *Karolo I.ª* kaj *Cid*, kaj supren, fine, tiu de la gardstaranta Anĝelo, kaj kronante ĉion ornamaĵo romanstila kun la bildo de la Sankta Virgulino. La domo de *Iñigo-Angulo*, konstruita je la duono de la XVIII jarcento, kun renesanca fasado kaj belega pordo kun graciaj kolonoj sur kiuj staras leonoj. La domo de *Miranda*, apud la antaŭa, kun belega korto kies portiko estas mirinda je hispana stilo renesanca, same kiel la ŝtuparo. La domo de la *Cordón*, konstruita je la XV.ª jar-



KAPELO DE L' «CONDESTABLE»

cento, rimarkinda pro siaj fasado kaj arkadaroj. La urbestrejo, kun belaj fasadoj, en kiu estas salono por kunsidoj kun korintia kolonaro sur kiu kuŝas kornicaro. La kolegio de *S. Nicolás*, de la XVI.ª jarcento, kun majesta kaj bela ĉefa fasado; mirindaj arkadoj ĉirkaŭas la korton; ĉi tie estas la Instituto. La Hospitalo de la Reĝo, fondita de *Alfonso VIII.ª*, ĉe la ekstremo de la promenejo *El Parral*, kies portalo, nomata *de Romeros*, estas belega modelo de la hispana stilo renesanca; dekstre staras la antikva

domo de *Romeros*, kun belegaj ŝtonĉizaĵoj; la pordo de la preĝejo, sub ogiva arkaĵo de la XII.ª jarcento, estas el ligno de nuksarbo kun belegaj kaj artaj reliefoj, kaj inter ĉi tiuj estas tiu de Evo, tre grava reliefo arta; ankaŭ estas tre gravaj arte la fera predikejo kaj la seĝaro de la ĥorejo. La Provinca palaco estas unu el plej bonaj modernaj konstruaĵoj de la urbo, grek-roman-stila, mirigante la vestiblo kaj ŝtuparo, kun marmoraj kolonoj, la vizitanton.

Sed la ĉefa arĥitekturaĵo estas la Kate-



INTERNAĴO DE LA MONAĤEJO «FRES-DEL-VAL»

dralo, grandioza monumento, kiu enhavas ĉion kion la arto produktis dum la XIII.ª, XIV.ª kaj XV.ª jarceetoj. La stilo estas gotika. La ĉefa fasado, nomata *Santa María*, estas flankigata de du turoj, altaj je 80 metroj, finiĝantaj laŭ piramidoj oktangulaj el ŝtono ĉizita kvazaŭ belega punto. El tri entablementoj aŭ korpoj konsistas ĉi tiu fasado, kies arego da belartaĵoj mirigas. La norda portalo, nomata *Coronería*, krom la statuoj de la dekdu apostoloj, prezentas multenombrajn belaĵojn. Oriente, la portalo

*Pellejería*, de hispana stilo renesanca, prezentanta vidiĝon kvazaŭ grandioza kaj belarta grandaltaro pro siaj multenombregaj kaj fantaziaj ornamaĵoj ĉizitaj kaj skulptitaj. Apud ĉi tiu portalo, la fasado de la kapelo de l'*Condestable*, oktangula, kun turetoj en la anguloj, ŝtonpuntoj, statuoj, blazonoj, ŝildoj kaj multenombregaj ornamaĵoj, staras. La eksteraĵo de la sakristio konsistanta el kvar korpoj, estas tiel bela kaj arta kiel la cetero. En la ekstremo de la strato *Paloma*, staras la portalo *Sarmental*, kun vasta



PORTALO DE LA PREĜEJO. «SASAMÓN»

ŝtuparo kaj tri artaj tomboj ĉe la flankoj, tomboj de la XIV.ª jarcento. Multenombregaj statuoj kun belegaj ornamaĵoj, reprezentantaj la Eternulejon kun la Ĉiompovulo, la Evangeliistoj, kaj Apostoloj, formas la unuan entablementon, kaj indaj je ĉi tiu estas la aliaj du entablementoj de la fasado.

La internaĵo estas vera poemo skulptita el ŝtono. La granda kapelo, grandioza kaj artriĉa, estas kvalifikata kiel la naŭa mirindaĵo de la mondo. Sed tio, kio vere mirigas en ĉi tiu grandpreĝejo, estas la majesta

turo kiu meze staras kvazaŭ grandega kupolo, oktangula, kun grandaj fenestroj belaj, kun bustoj ŝajne reprezentantaj la konstruantojn.

Multenombraj kapeloj, tiel riĉaj je trezoroj artaj: pentraĵoj, statuoj, tomboj, skulptaĵoj, kiel la *Lignum Crucis*, Krucumito skulptita el unu sola agato, kaj Virgulino skulptita el ŝirdento de elefanto. La sakristio, la arkadaroj de la galerioj, la gildejo kaj la ŝtuparo kiu iras en la arĥivon, sur kies maldekstra muro oni rimarkas antikvegan kofron, kiu apartenis al *Cid*, mirigas la vizitanton.

Enirante en la katedralo tra unu el la pordoj de la ĉefa fasado, oni rimarkas horloĝon kun du ciferdiskoj, unu el ĉi tiuj en la internaĵo kaj alia sur la eksteraĵo. Ĉi tiu horloĝo havas du arlekenojn: unu, ĉiam videbla, ruĝvestita, tenanta muzikpaperon, malfermas la buŝon kiam la horoj batas, kaj tial oni nomas ĝin *Papamoscas* (muŝglutanto). La alia estas pli malgranda, nomata *Martinillo;* ĝi aperas, malfermanta pordon, kiam batas kvaronhoroj, kaj tuj sin kaŝas fermanta de nove.

Je du kilometroj de *Burgos* staras la reĝa monaĥejo nomata *Huelgas*, kiun oni ekkonstruis je 1180, kaj estas vizitinda. Fondis ĝin *Alfonso VIII.ª*, kaj ĝi estis fama dum la mezepoko pro la rajtoj kaj privilegioj de la monaĥestrino. En ci tiu monaĥejo estis enterigataj kvin reĝoj, kvin reĝinoj, dekunu reĝidoj kaj dekkvar reĝidinoj.

La *Cartuja de Miraflores*, konstruita je la fino de la XV.ª jarcento, gotika kaj renesanca, kies preĝejo enfermas la tombon de la fondintoj, *Johano II.ª* kaj *Elizabeto de Portugalo*, belega kaj arta tombo; la monaĥejo *Trinitarias*, kie staras la fama tombo de l'*Padillas*, el alabastro; la preĝejo *Santa Gadea*, historia monumento, kie la *Cid* devigis *Alfonso VI.an* ĵuri tri fojojn ne esti parto preninta pri la mortigo de lia frato la reĝo *Sancho IV.ª;* la preĝejoj *San Esteban*, *San Gil* kaj *San Lesmes*, estas vizitindaj.

Ne kredu, kara leganto, ke ne estas pli da trezoroj artaj kaj historiaj kiujn la turisto povas viziti, ol tiujn cititaj. En la provinco estas la ruinaĵoj de la fama monaĥejo *Fres-del-Val;* la monaĥejo *San Pedro de Cerdeña*, kien gvidas nin la famo de tiu heroo, nomata *Rodrigo Díaz de Vivar;* la ruinaĵo de la Kastelo *Soto-Palacios*. En la vojo al *Covarrubias*, estas vizitinda la palaco *Saldañuela*, la kastelo *Olmos-Albos* kaj en la vilaĝo, la turo de *Doña Urraca*, la preĝejo *Colegiata*, la preĝejo *Santo Tomé*, la turo de la *Villa* kaj la Arĥivo. Rimarkindaj kaj vizitindaj estas ankaŭ la monaĥejo *San Pedro de Arlanza;* tiu de *Santo Domingo* en *Silos*, la ruinaĵoj de la antikva *Clunia*, romana urbo apud *Peñalba de Castro;* la ruinaĵoj de la kastelo, kaj la ermitejo de l'*Santo Cristo*, de romana stilo, konstruita je la XII.ª jarcento, en *Coruña del Conde;* la preĝejoj *Santa María* kaj *San Juan Bautista*, kelkaj aliaj konstruaĵoj, kaj la ruinaĵoj de la monaĥejo *San Francisco*, en *Aranda de Duero;* la preĝejo *Colegiata* kun la tre fama preĝanta statuo de l'duko-kardinalo, en *Lerma*, kaj la abatejo de *San Quirce* ĉe la kuniĝo de la vojoj kiuj de *Lerma* kaj *Covarrubias* iras al *Burgos*, romana konstruaĵo kiun oni starigis supoze je la XI.ª jarcento; la monaĥejo *Santa Clara*, la preĝejo *San Martín* kaj la preĝejo *Colegiata*, en *Briviesca;* la fama monaĥejo *San Salvador*, kun la preĝejo, en kiu staras tre antikvaj, artaj kaj interesaj tomboj de reĝoj, formantaj specialajn tombejojn, kaj arkadaroj tre artaj kaj interesaj, en *Oña;* la preĝejoj kaj ruinaĵoj de la kastelo, en *Medina de Pomar*, kaj la preĝejo *San Nicolás* kaj aliaj monumentoj, en *Miranda de Ebro*.

*J. Mangada Rosenörn*

---

# Historio de la ciganoj

II

*Bohemio* en Francujo, *gipsio* en Anglujo, *caird* en Skotlando, *faraohnepk* en Hungarujo, *heidenen* en Nederlando, *cigaro* en Portugalujo, *fante* en Norvegujo, *zigeuner* en Lituania, *luris* en Persujo, *giphtoi* en Grekujo,

*arausi* en Arabujo, *canochis* en Hindujo, k. c., estas nomoj kiujn ricevas tiu apatia kaj volupta gento, kies haŭto estas mezbruna, mezbronzokolora; kies korpo estas gracia kaj bela; akre sprita kaj ruza. Al ĉi tiu gento apartenas la hispana *gitano* (ĥitano); naskitaĵo de la doloro, kaj vivanta enkarniĝo de la malriĉeco; el la fundo de Azio elpelita de la turka aŭ mahometa almilitanto, ĉu sklavigita de la ambicio de tiraneco, ĉu de la povo de la kronitoj.

Ĝia delikata kaj brila hararo; la fulmado



GRANDALTARO DE «SAN NICOLÁS»

de ĝia pupilo simila je la lumo de la fosforo; ĝia karaktero tro pozitiva kaj materia, kaj la specialaj kutimoj, kiuj diferencigas la ciganon, kiu multenombre loĝadas de la altaĵoj de la *Himalaja* ĝis la bordoj de la *Nilo*, kaj de la *Norda maro* ĝis la akvoj de *Gibraltar*, pruvas, ke ĉiuj apartenas al la sama gento, el kiu ankoraŭ ekzistas posteuloj en Hindujo, plej speciale ĉe la bordoj de la rivero *Zind*.

Kvankam modifita kaj plibonigita morale kaj materiale pro la progresiga spirito de

la popoloj inter kiuj tiu gento restadis dum kvin jarcentoj, ankoraŭ oni rimarkas la ciganon daŭrigantan kaj praktikantan ĝiajn tradiciajn principojn, t. e., vivi en la plej apartaj lokoj de la urboj, ĉiam humila, ĉiam stranga, ĝenerale ĉiam mizera, kaj ĉiam preta antaŭdiri la sorton, same tra Hispanujo kiel tra la plej malproksimaj regionoj de Rusujo.

La nomo, kiun ĝi ricevas, estas indiferenta. Oni nomu ĝin *tartaro* aŭ *hungaro*, ĉu *cigaro* aŭ *caird*, ĉu *fante* aŭ *luris*, ĉu *giphtoi* aŭ *zigneur*, ĝi estas la sama gento eĉ laŭ siaj profesioj. Preskaŭ ĉiam la cigano estas forĝisto, kaldronisto, trogisto, korbisto, ĉevalvendisto aŭ hartondisto de bestoj.

Kaj absolute sen escepto, tiel la cigano, kiu venis unue al Hispanujo, kiel tiu, kiu je 1417 vagadis tra la apudaĵoj de la Norda maro, parolis la lingvon, kiun, kvankam malmulte uzata, ankoraŭ hodiaŭ mem parolas kaj komprenas la cigana gento.



# Skizo pri la morto

Du malamikaj militŝipoj renkontas unu la alian. Krepuskiĝas. La ĉielo ŝajnas bruligi la metalan ebenaĵon ĉe la malproksimeco.

La angla flago, tie supre, frizata de la mara venteto, formas ŝvelitajn helikojn. Kontraŭ ĝi, de alia masto tiel alta, rigardas tiun la germana standardo.

Nek malkuraĝo, nek frenezeco. La trankvila braveco de Trafalgar. La germana plenumado heroa de l'devo. Blanka nubeto. Unu kuglego... Alia... Alia... En la majesta soleco, ambaŭ ŝipoj sin profiligas. Nur la Morto, de nubo, ŝirmata de blanktuko kaj kaŝe, rigardas avide la mortigan luktadon.

Estas la maro sen bordoj. La ofero de tiuj homoj lasos senmortan memoraĵon. La Morto malsupreniras iom post iom, kaj la nubo, kiu formas ĝian kaŝejon falas ĉu sur la anglan flagon, ĉu sur la germanan standardon... Sed ĉiam kaj ĉie estas larmoj.

*Pacemulo*

# La gantoj kaj la amo

La gantoj, kiel la floroj, ankaŭ taŭgas por tiu mistera interkompreniĝo pri la amo.

Se via amatino faligas teren unu el siaj gantoj, ŝi donas al vi jesan respondon.

Volvante la gantojn per sia dekstra mano, ŝi donas al vi neon.

«Sekvu min», ŝi diras frapante sian maldekstran ŝultron per unu el siaj gantoj.

«Mi absolute ne amas vin», diras virino kiam ŝi frapas sian mentonon per siaj gantoj.

«Mi malamas vin», ŝi diras metante eksteren la internaĵon de la gantoj.

«Mi amas vin». Ĉi tiun agrablan konfeson ŝi faras faligante la gantojn.



ARKAĴO «SANTA MARIA»

# Esperanta movado

*Madrido.*—Oni kunhelpos laboron pri la propono de la «Court of Common Council» al «Board of Trade», kaj tial Centra Madrida Grupo eldonis cirkulerojn, pritraktantaj tiun aferon, por peti al la parlamentanoj, provincaj deputatoj, urbestroj, prezidantoj de societoj (speciale komercaj), k. t. p., k. t. p., sin turnu al «Board of Trade» rekte, petante la elekton de Esperanto kiel komuna lingvo komerca; kaj ankaŭ sin turnu al la Prezid-



KASTELO «OLMILLOS (SASOMÓN)»

anto de nia Registaro por ke ĉi tiu petu al «Board of Trade» la samon. Petu al ni cirkulerojn kaj interesigu societojn por ke ili kunhelpu nian entreprenon.

La sepa de la pasinta monato S-ro. Cecilio Miguel Cid faris belegan paroladon pri Esperanto kaj ĝia granda utileco antaŭ multenombra ĉeestantaro ĉe la *Institución de los Amigos de la Enseñanza*, (kvartalo *Guindalera*), kie S-ro Calahorra sukcese daŭrigas kurson.

Zamenhofa komitato petas al ĉiuj esper-

antistoj el regionoj apartenantaj al Zamenhofa Federacio starigi kaj restarigi grupojn, kaj por tio ĝi helpos per cirkuleroj propagandaj, kiujn oni povas peti al ĝi.

——

*Palma de Mallorca.*—Pro la elekto okazinta en la lasta ĝenerala kunveno de la ĉi tica grupo «Esperantista Klubo Palma», ĝia direktanta komitato konsistas el la jenaj samideanoj: Prezidanto, S-ro. Bernardo Planas; Vicprezidanto. S-ro. Juan Mascaro; Sekretario, S-ro. Narciso Bofill; Vicsekretario, S-ro. Monserrat Vich; Kasisto, S-ro. Jaime Lladó; Bibliotekisto, S-ro. Antonio Ramis; Voĉdonantoj, S-roj. Juan Aguiló, Bernardo Rebassa kaj Francisco Barceló.

Ĉe la nomita grupo, S-ro. Narciso Bofill klarigas kurson de la sepa ĝis la oka vespere.

——

ANDALUZIO

*Sevilla.*—S-ro. Trinidad Soriano, prezidanto de la Grupo de tiu urbo, multe laboras por starigi kiel eble plej rapide Andaluzian Federacion. Multaj andaluziaj esperantistoj skribis al li akceptante entuziasme la ideon. Jam li donis projekton de regularo al presisto kaj li dissendos ĝin baldaŭ.

Antaŭen, andaluzianoj! La triumfo de Esperanto rapide alproksimiĝas kaj estas devo neforlasebla helpi ĝin, sed por ĉi tio estas nepre necesa kaj deviga unuiĝo.

---

# Zamenhofa Federacio

### Listo de membroj kaj abonantoj de Hispana Esperantisto

1.—Centra Esperantista Grupo. Jardines, 24, *Madrid.*
2.—S-ro. Pedro Cebrecos. Santa María, 20.
3.—S-ro. Agustín Santamaría. Sekretario de la Azilo, *Zamora.*
4.—S-ro. Julio Mangada Rosenörn. San Bernardo, 96, *Madrid.*
5.—S-ro. Rafaelo de San Millán. Válgame Dios, 6.
6.—F-ino. Amalia Anchelerga. Castelar, 20
7.—S-ro. Narciso Bofill. Sindicato (Ensanche), 188, *Palma de Mallorca.*
8.—S-ino. Mercedes Bosch de Codorníu. Paseo del Malecón, C, *Murcia.*
9.—S-ro. Ricardo Cordorníu (Tri abonoj). Paseo del Malecón, C.
10.—Grupo «Religio kaj Patrujo». *Villanueva de la Jara* (Cuenca).
11.—S-ro. Antonio Tello.
12.—S-ro. José María Martínez. Pastro.
13.—S-ro. Juan Antonio Garrido.
14.—S-ro. Luis Angel Ramírez, Lavapiés, 7 y 9, *Madrid.*
15.—S-ro. Francisco Barceló. San Miguel, 142. *Palma de Mallorca.*
16.—S-ro. Juan Urgellés. Plaza del Mercado, 16.
17.—S-ro. José Cladera, San Miguel, 178.
18.—S-ro. Joaquín Aguiló. Misión, 4.
19.—S-ro. Mateo Bosch. San Miguel, 73.
20.—S-ro. Cristóbal Barceló. Sur, 7.
21.—S-ro. Marcos Salom. Cofradía, 5.
22.—S-ro. Salvador Sastre. Pelaires, 66.
23.—S-ro. Juan Mascaró. Plaza de la Puerta de Santa Catalina, 47.
24.—S-ro. Pedro Vallés. Picornell, 5.
25.—S-ro. Cecilio Miguel Cid. San Bernardo, 25, *Madrid.*
26.—S-ro. Vicente Alonso Sanz. Sánchez Bustillo, 3.
27.—S-ro. Luis Rodríguez Escartín. Ilustración, 8.
28.—S-ro. Fernando Redondo Ituarte. Arango, 6.
29.—S-ro. Jesús Ramírez. Cabestreros, 10 y 12.
30.—S-ro. Manuel Benavente. Sociedad, 14, *Murcia.*
31.—Grupo «Esperantista Klubo Palma». Misión, 5, *Palma de Mallorca.*
32.—S-ro. Alfonso Cisneros. Romanones, 8 y 10, *Madrid.*
33.—S-ro. Angel Gallego. Buen Suceso, 18.
34.—S-ro. Juan Calahorra. López de Hoyos, núm. 3.
35.—S-ro. Manuel Esteban. San Juan, 48 y 50, *Burgos.*

36.—S-ro. Carlos Duquesnay. Plaza de San Juan, 9.
37.—S-ro. Nicolás Ballesteros. Oficial de Telégrafos. *Vitigudino* (Salamanca).
38.—S-ro. Isidoro Díaz. *Tocina* (Sevilla).
39.—S-ro. Juan Carrasco. *Valladolid*.
40.—S-ro. Antonio Gudiño. *Ballanás* (Palencia).
41.—S-ro. Sidonio Pintado.
42.—S-ro. José Efren Pedraz. Rua Menor, 32, *Santander*.
43.—S-ro. Ventura Fernández. Concepción Jerónima, 19, *Madrid*.
44.—S-ro. Isidoro Nuez. Merced, 6, *Valladolid*.
45.—S-ro. Mariano Mojado. Pastro. *Itero de la Vega* (Palencia).
46.—S-ro. Amando Ordóñez.
47.—S-ro. Rafael Benitez. San José, 61, *Cádiz*.
48.—S-ro. Eusebio Senra. Ponzano, 8, *Zaragoza*.

## LISTO DE MEMBROJ

1.—S-ro. Luis Mangada Sanz. San Bernardo, 96, *Madrid*.
2.—F-ino. Amelia Mangada Sanz.
3.—F-ino. Marina Mangada Sanz.
4.—S-ro. Landelino Bueno. *Villanueva de la Jara* (Cuenca).
5.—S-ro. Juan Mallebrera.
6.—S-ro. Ricardo Caro.
7.—S-ro. Venancio Ortega.
8.—S-ro. Ramón Hernández.
9.—S-ro. Ramiro Peñaranda.
10.—S-ro. José Caro.
11.—S-ro. Juan Muntaner. Luz, 35, *Palma de Mallorca*.
12.—S-ro. José Fornés. Conquistador, 37.
13.—S-ro. Montserrat Vich. San Elías, 24.
14.—S-ro. José Singala. Miramar, 26.
15.—S-ro. Juan Gil. Vallori, 17.
16.—S-ro. Luis M. Granada. Antonio Maura, 4.
17.—S-ro. Bartolomé Fuster. Colón, 9.
18.—S-ro. Bernardo Planas. San Jaime, 31.
19.—S-ro. Francisco Plá. Poderos, 6.
20.—S-ro. Juan Palmer. Yeseros, 5.
21.—S-ro. Julián Oliver. Paz, 10.
22.—S-ro. Gabriel Matas. San Miguel, 97.
23.—S-ro. Juan Aguiló. Misión, 1.

*(Daŭrigota)*

## DISTRAĴO

JEN LA GRIMACEMAJ FRATOJ




Rigardu rapide kaj alterne de unu en alian, kaj vi vidos la grimacojn kiujn ili faros.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# VENDOTAĴOJ DE HISPANA ESPERANTISTO

ĈIAM ANTAŬPAGON PER POŜTA ĜIRO




PRI CERVANTES KAJ LIA FAMKONATA VERKO *EL QUIJOTE*, Prezo: Pt. 1,00 (Sm. 0,400), kaj TRI RAKONTOJ KAJ KELKAJ VERSAĴOJ originale kaj esperante verkitaj de Rafael de San Millán. Prezo: 50 centimojn (Sm. 0,200). Duonon da rabato por zamenhofanoj. Neafrankite.—HISPANA GRAMATIKO ESPERANTA kun PRAKTIKA TEMŜLOSILO por ĈIUJ LANDOJ de *Julio Mangada Rosenörn*. Dua eldono korektita kaj pligrandigita, premiita per *Honora Cito* laŭ Reĝa Ordono de la Militministrejo, je la 16.ª de Aprilo de 1912, kaj laŭ Reĝa Ordono de la 8.ª de Septembro lasta, tiu Ministrejo sciigis la *utilecon* de ĉi tiu verko. Prezo: Gramatiko, Pt. 1,50 (Sm. 0,600); Temŝlosilo, pesetojn 1 (Sm. 0,400). Kvinonon da rabato por zamenhofanoj. Afrankite.

---

Hispanaj propagandaj cirkuleroj. 1.000 po 13 pt. 100 po 1,60 pt. Afrankite.

---

Oni liveras afrankite verdan stelon, arĝenta, arta, tre bona emajlo, po 2,25 pesetoj specimeno. Dekduope oni faros rabaton. Ĉi tiu stelo estas la plej bela el ĉiuj, sur arĝenta radiigita disketo kuŝas la verda stelo.

---

Cent poŝtkartojn, ĉu kun la portreto de la Majstro, ĉu kun la suba alegorio, aŭ laŭvole: Pt. 3 (Sm. 1.200). Por zamenhofanoj sesonon da rabato.

"Unuiĝo de Esperanto kaj Presarto estas la plej granda monumento de l'Homaro"